# Aŭstraliaj  Esperantistoj



Novaĵa Letero de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 29/12/2011 Dekdua Eldono 2011 28/12/2011 SENDITA


Tiu ĉi letero havas "hiperligiloj" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

## BBC TELEVIDA PROGRAMO

Demando ludo ĉe BBC televido (klaku) Alŝutita per esperantoasocio je 26 Dec 2011. Estas Kvar demandoj pri Esperanto Sendita de Nicole <nicole@cryogenic.net>

## JARO 125

Dankon Roger

La ĉefa afero estas direkti la agadon eksteren okaze de la Jublilea Jaro 125. Ni kontaktu ĵurnalistojn televidon ktp okaze de la naskiĝo de Esperanto je la 26a de Julio. Tiuj kiuj volas helpi bonvole kontaktu Brian Barker kiu oficiale respondencas en la nomo de UEA pri "Esperanto Day 2012" Jen la retadreso jubilea.jaro.125@gmail.com

Feliĉan novan jaron

Brian Barker <esperanto.asocio@googlemail.com>

## 3ZZZ

Kara Roger,

Oh ve, mi estas malfeliĉa ke Jennifer kaj Alan finis kun la 3ZZZ radio programo. Mi ĝuas iliajn programojn, la muskio de Alan kaj aparte la klara lingvo ili ambaŭ uzis. Mi trovis la programoj helpis min lerni la lingvon. Dankegon al Jennifer kaj Alan kaj plej bonajn dezirojn. Dianne Kvoko2@yahoo.com

## 3zzz Esperanto

ĉiame laŭ via volo

**Sekvante estas longa letero por "Aŭstraliaj Esperantistoj" (Mi rompis ĝin iom per flavaj linioj) sed ĝi enhavas kelkajn ideojn (Krom la laŭdon), kiuj estas tre uzeblaj por la estonteco.**

**Se mi havas la scion kiel uzi aŭ helpon de sciulaj Esperantistoj, mi enkondukos la ideojn en la novaĵleteron.**

**Helpu min pli bonigu la novaĵleteron.**

Dankon al Max je liaj plibonigaj ideoj.

**Roger Springer**

## Proponoj de Joseph Maxwell Wearing mwearing@internode.on.net

AŬSTRALIA ESPERANTISTO DE LA JARO? KAJ HIPERLIGILOJ.

2011 estis jaro dum kiu diversaj homoj estis elektataj kaj proklamataj "X, Y, aŭ Z de la jaro". Kiun elektus vi, se oni demandus, "Kiu estis laŭ vi la **aŭstralia esperantisto de** la jaro **2011**?" Senhezite mi respondus, "Roger Springer". Danke al Roger, ni nun havas la eblecon koni almenaŭ pernome preskaŭ 200 aŭstraliajn esperantistojn kaj la retadreson kaj opiniojn de pluraj el ili. Kaj ni povas konatiĝi kun tiuj ne nur 3 aŭ 4 fojojn dum la jaro. La novaĵ-letero alvenas almenaŭ unu fojon semajne - ofte preskaŭ ĉiutage.

Oni aŭdas, ke pro novaj ret-teknologioj, paper-ĵurnaloj baldaŭ preskaŭ tute malaperos tra la tuta mondo. Ĉu Aŭstralio fariĝos la unua lando kun ĉiutaga E-

retnovaĵletero (E-ĵurnalo)? Mi esperas, ke en venontjara Aŭstralio, disponeblos ankaŭ ĉiujara adresaro eĉ pli bona kaj inkluziva ol tiu de (ekzemple) la jaroj 2000 kaj 2003 por membroj de AEA. Sed tiun temon mi pritraktos en estonta artikoleto.

Ĉi tie mi volas skribi pri elstara avantaĝo, kiun proponeblas ret-novaĵletero. Tiu bonega donaco nomiĝas **hiperligilo** ("hyperlink"). Post nur 21 numeroj, *Aŭstraliaj Esperantistoj* uzas tiajn ligilojn, kiuj postulas treege malgrandan tekst-spacon, por alporti legaĵojn el aliaj aŭstraliaj E-gazetoj, E-laŭt-legaĵojn, fotojn, filmetojn, helpilojn por plifaciligi la uzadon de E-supersignoj, vortarojn, aŭtomatan tradukadon, Skajp- kaj leterum-proponojn, informon pri estontaj kaj pasintaj E-eventoj, vizitantoj, kaj vizitontoj, evento nuligita, eventoj proponataj, ktp, ktp. Estus bone aŭdi ankaŭ mallongajn 3zzz-programerojn, kiuj povus tiamaniere informi niajn legantojn kaj samtempe kapti por la stacio pli da aŭdantoj. Estus bone havi ankaŭ longdaŭran ligilon kun la AEA-biblioteko, kaj novajleterojn el eĉ pli da aŭstraliaj gubernioj ("states" kaj "territories").

Unu el miaj celoj en tiu-ĉi artikolo estas atentigi nian legantaron pri nova propono de Richard Delamore, AEA-estrarano, pri ebla starigo de AEA-konkurso pri la prezentado de mallongaj aŭstraliaj E-ret-filmoj. En aktivaj epokoj de AEA, ĉiu-jaraj konkursoj instigis viglan partoprenadon en la AEA-kongresoj kie oni anoncis la gajnintojn de Koppel Ŝildo (por drama konkurso), Muller-Soraŭ Trofeon (por ĥorkonkurso), kaj Torr-Medaliono (por la instruisto, kiu instruis la plej grandan nombron da novaj lernantoj). Sendube oni povus nun aldoni premion por filmet-konkurso. Eble la filmetoj povus esti en formo de hiperligiloj prezentataj tra la jaro en *Aŭstraliaj Esperantistoj*, kaj juĝataj de ties tuta spektantaro (aŭ almenaŭ parto de ĝi).

Kompreneble se Roger havus eĉ pli da energio kaj/aŭ helpo, li povus ankaŭ enkonduki kelkajn instigajn hiperligilojn el ekster-aŭstraliaj organizaĵoj - kiaj UEA, ILEI, SAT, E-CIVITO, E-PEN, TEJO, E-FAMILIOJ, UN, UNESKO, E-KALENDAROJ, ESPERANTOTUR, PASPORTA SERVO, LIBROSERVOJ, KORESPONDAJ SERVOJ, KAJ VINILKOSMO. Kompreneble la plej urĝa kaj tuja bezono estas la reunuigo de esperantistoj en aŭstralio, sed gravas ankaŭ ligado de nia esperantistaro kun esperantistoj tra la tuta mondo.

Max mwearing@internode.on.net

**Vivigu nin**. Sendu novaĵon, ideojn

**Kiel mi povas plibonigi aŭ aldoni aliajn informojn? Sendu vian klubnovaĵon al mi kaj informu ĉiujn.**

Roger Springer rspring@tpg.com.

## MUZIKO

Mi ŝatas muzikon de JOMO. ĉu vi?

O o o Esperanto    Ĉu vi volas danci?

**KVIN MINUTA PRELEGO** televida

Parolado pri Esperanto    Angle sed interesa

## Televida novaĵo esperante

El popola ĉinio sept 2010

**Kio estas "conlangs".** Konstruitaj lingvoj

**Malgranda nombro de homoj kapablas konversacii en Klingon. Ĝia vortprovizo, ĉefe centris sur Star trek-Klingon-konceptoj kiel kosmoŝipo aŭ militado do povas fari ĝin malfacila por ĉiutaga uzo.**

(Versajne facilaĵo ne estas grava je conlangers. Ĉu ĝi estas efika Esperanta propaganda punkto?)

Don **Harlow** responds (angle) to questions re Esperanto. Very long but worth reading. Roger